# UNUA KAJ UNIVERSALA VORTAROJ

Kun granda intereso mi legis la artikolon de S-ro Paul CILIGA pri la Universala Vortaro kaj koneksaj temoj. Li tie resumis la rezultojn de tre grava kaj ampleksa laboro. Bedaŭrinde enŝoviĝis kelkaj eraretoj, pri kiuj mi deziras atentigi.

***

El la Sepa Oficiala Aldono forestas ne naŭ radikoj sed dek unu. Ni jam ne parolu pri *geografi'*, kiu ja devа esti legata anstataŭ *geograf'* : ĉi-lasta estas ja nur preseraro, kiel oni povas dedukti el la lasta paragrafo de la Aldono, kie troviĝas, ĉifoje ĝuste : *geograf'*).

Do al la listo de Paul CILIGA oni aldonu la du vortojn : *metal'* kaj *tekst'*. Pri detaloj kaj pravigoj, oni bonvole legu mian artikolon « Vortoj de la *Fundamento de Esperanto* ekster la alfabetvico de la *Universala Vortaro* » (*Scienca Revuo*, n° 42, vol. 11-a/2 de la 1-VIII-1959, p. 71-74).

El tiu mia laboro evidentiĝas ke S-ro P. CILIGA eraras asertante, ke « *Bulonj'* ne troviĝas en la Fundamento ». Ĝi ja troviĝas en la Antaŭparolo.

P. CILIGA ĝustas pri *pro'cent'* kaj *firm'o*. Sed, laŭ mi, estus pli bone konsideri tiujn du vortojn kiel novajn radikojn (komparu *Esperant'*). Derivaĵo en Esperanto principe estas « formo kun signifo », t.e., la derivaĵo, aŭtomate, pro ties signifohavaj elementoj, havas determinitan signifon. Ĝi oponiĝas al la « volapukismaj derivaĵoj », troveblaj en diversaj lingvosistemoj (Volapük, Occidental) kaj ankaŭ sporade en Esperanto, jen en arkaaj formoj (elrigardi = aspekti, ...) jen en kutime uzataj (procento, terpomo, resumo, ...). Oni ja pli emas toleri ilin, se ili imitas formojn de okcidentaj lingvoj (reprezenti, librotenanto...). Pli pri tiu temo bonvole legu en « Eseo pri la dinamiko de la Esperanta Vortfarado », kiu aperos en la nun presata 1-a kajero de « Esperantologio », II-a volumo.

***

Mi ankaŭ atentigu, ke koncerne la vortojn de la Unua Libro S-ro P. CILIGA lasis enŝoviĝi erarojn pro pluraj motivoj, el kiuj la ĉefa estas, ke la kovrilo de la ofseta eldono, super kiu li certe laboris estas postaldonaĵo ! Origine tiu kovrilo aperis ruslingve. Okaze de la reeldono S-ro SETALA antaŭ kelkaj jaroj tradukigis tiun kovrilon, kiel atestas unu lia letero al mi (4 Nov. 57). Krome laŭ S-ro CHOMETTE (Vidu « Esperanton », 1954, p. 278), kun kiu mi korespondas, la ofsetigo estis farita ne elde la unua eldono de la rusa broŝuro, sed elde la dua eldono malpli korekta. Fine ekzistas diverslingvaj eldonoj de la 1-a libro. Nur la komparo de ilia tuto povas ebligi la restarigon de la origina Zamenhofa manuskripto.

La nombro de radikoj en la vortaro devas esti rigardata kiel 920 (aŭ eĉ 921) sed ne 917 : ekzemple la franca eldono ja entenas la 3 pliajn vortojn : *brut'*, *kaf'*, *pres'*, kaj la angla eĉ 4-an : *propon'*. Krome la ekstervicaj vortoj sumiĝas je 26 aŭ 30.

Post finstudo tiuj ĝustigoj estos objekto de alia artikolo.

***

Tiuj rimarkoj forprenas nenion de la valoro de la studo de S-ro Paul CILIGA. Interalie lia studo de la Zamenhofaj vortaroj germana kaj rusa estas tre ŝatinda. Ĝi fakte montras, ke oni ĝis nun ne sufiĉe konis la historion de la Zamenhofa lingvo. Oni tro longe kaj tro ofte opiniis ĝin malpli riĉa ol ĝi fakte estis. Mi eĉ opinias, ke per kompilado de tekstoj el la unuaj jaroj oni povus montri ke la vortoj de tiuj vortaroj aperis unue en la tekstoj kaj eĉ ke ne ĉiuj vortoj tien trovis lokon. La modesta Zamenhof ne volis trudi sian tutan lingvaĵon al la mondo. Li preferis, ke Esperanto iom post iom kompletiĝu kontakte de l' vivo. Avantaĝo sendube estis ke la lingvo iĝis kolektiva kreaĵo kaj tre rapide surprenis ĉiujn karakterojn de vivanta internacia lingvo ; malavantaĝo — ke formoj zamenhofaj, ofte pli bonaj, estis preteratentitaj, ke iuj vortoj liaj restis nekonataj aŭ estas ankoraŭ konsiderataj kiel « neologismoj » plurajn jardekojn poste ; ankaŭ ke malamikoj, erare, povis diri ke la Zamenhofa lingvo estas malriĉa kaj sen evolupovo, ĉar devige reduktita al 900 radikoj de la Unua Vortaro aŭ eĉ al la 2.500-kelkaj de la Universala.

Andréo ALBAULT.

***

## REDAKCIA KOMENTO : SUPLEMENTO PRI « UNUA LIBRO »

Tuj post la apero de N° 183 de F.E. alvenis la jena letero de Prof. WARINGHIEN :

« La 23an de Junio 1959
Estimata Samideano !

Mi gratulas vin pro via bona artikolo pri UV kaj OA en la ĵus aperinta nro de F.E. Pri la eraroj aŭ preterlasoj en la Sepa Aldono, mi jam ricevis tre zorgan kritikon de D-ro Albault ; la via ankaŭ kontribuos al (se eble) perfekta komputado... »

Sekvas ĝustigo pri « BULONJ », kiun ni bedaŭrinde ne rimarkis je paĝo IX de l'Antaŭparolo, kaj informo pri la « kompleta » listo de la radikoj de Ekzercaro (kun unu eraro : « pasiv » anst. « patent »), kiun presigis unu japana leksikologo, S-ro Naokazu Kawasaki.

Malfeliĉe por ni, tiun liston ni ne sukcesis trovi, ĉar la biblioteko de U.E.F. ne enhavas ĉiujn verkojn de la dirita leksikologo (ni ŝatus koni la precizan referencon).

Laŭ la supraj informoj evidentiĝas, ke malgraŭ plurfoja kontrolo tri radikoj de la Fundamento ne estis trovitaj dum nia esploro. Plie kelkaj preseraroj restis nekorektitaj. Tial la legantoj bonvolu jene ĝustigi nian artikolon (F.E. N° 183, p. 51, kolumno 1) : « Atenta tralego de la *Fundamento* kaj listo de D-ro ALBAULT en « Scienca Revuo » (N-ro 42, 1959) montris, ke aldonendas **8** komunaj vortoj (ADRES..., TEKST) ». La tuta paragrafo b) estas forstrekenda.

« La vorto ESPERANTO aperas en la titolo de l' « Universala Vortaro » kaj en la antaŭnoto je la sekvanta paĝo, kie ni trovas ankaŭ la radikon IDE ».

Al GENERAL kaj KILOGRAM aldonendas METAL (« metal' FADEN »). « Sekve en la Antaŭparolo enestas **21** radikoj kaj en UV troviĝas **15** ekstervicaj radikoj. Sumo : **2767** Fundamentaj ».

(Kolumno 2) : « **807** radikoj en la 1a OA ; sumo : **1762** Oficialigitaj. Fina sumo : 2767+1762=**4529**. Plie 55 Fundamentaj troviĝas en la 1a

OA... la 7a OA listigis ĉiujn krom 11, plus unu propra nomo trovebla en UV kaj unu preseraro... plus 34 ekster UV. Entute do : 11+18+34= **63**... kaj **2704**... Preskaŭ neniun propran nomon (nur religiajn nomojn, inter kiuj JESU, kvankam la formo JEZU ŝajnas pli oportuna pro la tre konata derivaĵo JEZUIT) oficialigis... »

***

Alian leteron sendis al ni S-ro CHOMETTE, el Los Angeles (Usono), kun dato : Julio 12an 1959. Li atentigas nin pri tio, ke la « Unua Libro » aperis en du eldonoj, tre similaj sed tamen ne identaj. Tiun fakton ni bone konas, kvankam pro nesufiĉa spaco ne menciis, el du fontoj : 1) « Bibliografio » de STOJAN (1929) indikas tion tute precize, 2) la artikolo mem de S-ro CHOMETTE, aperinta en la revuo « Esperanto » (1954, p. 278), kiun ankaŭ mencias D-ro ALBAUT, kiel ĉi-lasta prave konjektis, ni uzis la ofsetan reprodukton de S-ro SETALA. Tamen, laŭ la *cenzurdato*, tiu reprodukto estis ja farita elde 1a eldono (permesita en Majo 1887), kaj **NE** elde la 2a (permesita en *Decembro*, laŭ indiko de l' citita « Bibliografio »). Ni tre ŝatus, ke bonvolaj interesitoj komparu inter si ĉiujn originalojn (inkluzive de la franca, kiun ni iam foliumis sed ne povis, pro tempmanko, pristudi) kaj retrovu la eratumfolieton, kiu laŭ S-ro STOJAN aldonas 2 radikojn (tre bedaŭrinde lia « Bibliografio » ne indikas kiujn !).

S-ro CHOMETTE daŭrigas jene :

« Inter la diferencoj, kiujn mi trovis inter la du eldonoj, mi citos ekz : ke en la unua eldono la vortoj « venkos » kaj « esper » estas korekte presitaj. (Noto : en la reprodukto ni tamen trovis « vinkos », kvankam — kiel ni jam diris — pro la cenzurdato ĝi **NE** povas doni la tekston de la dua eldono). « Propon » estas en la unua sed ne en la dua. (Noto : ni trovis ĝin en la reprodukto ; en la antaŭa artikolo ni indikis, ke « esper » aperas en la teksto, dum « sper » troviĝas en la vortareto). « Koron » estas tiele presita en la unua, sed ĉar ĝi ankaŭ aperas en la kvar aliaj unuaj vortofolioj, povas esti, ke « koron » estis korekta tiam kaj « kron » estis preseraro. (Noto : ni supozas, ke « koron » estas arĥaika formo, restaĵo de Pra-Esperanto, poste forigita, ĉar « kron » aspektis pli oportuna pro sia unusilabeco).

Je paĝo 30 de la unua eldono la rusa teksto havas nur 11 liniojn, dum en la dua, je la sama paĝo ĝi havas 28 liniojn ». (Noto : la Esperanta teksto ne estas modifita pro tio). S-ro CHOMETTE supozas, ke la dua eldono aperis « post pluraj jaroj ». Tio *ne* estas ebla 1) ĉar « oportuneco rilate la cenzuron » tute *ne* estis pensebla en la tiama Ruslando. Se la cenzuro permesis la reldonon en Decembro 1887, tute ne necesis « pro oportuneco » atendi kelkajn jarojn kaj poste ne indiki la veran aperjaron, 2) ĉar la « Unua Libro por rusoj » estis *amase* dissendata de Zamenhof al tre multaj konataj personoj, sekve ĝi *tre* rapide elĉerpiĝis kaj jam fine de 1887 devis reaperi.

En sia « Historio de Esperanto » (1913) S-ro A. ZAKJESKI (Z. ADAM) indikas, ke li retrovis la « elirbileton » por la Unua Libro, kun dato **26 Julio 1887**, tamen ne parolas pri « elirbileto » de la dua eldono (Decembra).

***

Pliaj korektoj en la antaŭa artikolo (kolumno 3) : « en UV oni preteratentis *kvar* radikojn... La eldono « por rusoj » (du variantoj estis permesitaj de la cenzuro en Majo kaj en Decembro 1887)... Krome *15* aliaj aperis (oni *forstreku :* ced, cenzur, kopek, litograf, maj, prez, soci, tipograf — ĉar ili tiam aperis *ne* en Esperanto, sed nur en rusa lingvo)... Necesus ankaŭ kompari laŭpaĝe la diverslingvaj eldonojn, pro ekzisto de pluraj diferencoj ». Neniu dubo devas resti.

Preseraroj korektotaj : *ekster* (anst. ekter) je paĝo 51 ; *area* mezuro (anst. aera), *regulojn* (anst. rekulojn), *ebligus* (anst. ebpligus) je paĝo 52 : (La aferon « vipEr » ni studos poste, laŭ dokumentoj).

Serioza historio de l'Esperanta *leksiko* (t.e. vortprovizo, vorttuto) ne estas pensebla sen detala ekzameno de ĉiuj plej malnovaj presaĵoj. Ni komencu ĉe la komenco ! Serĉemaj legantoj, la tasko atendas vin.

Paul CILIGA.

***

**ESPERANTO SOCIETO DE BOMBAJ**

7/A, Balgovindas Road,
Near Shivaji Park, MAHIM
BOMBAJ-16, HINDUJO
*Bombaj,*

*La 5-an de Aprilo 1959.*

*Estimata Samideano,*

*Je la okazo de la Zamenhof-Jaro, ni projektas energian kampanjon por disvastigi nian lingvon kaj plifortigi la Movadon en Hindio. Oni apenaŭ povas troigi la gravecon de la aziaj landoj por la estonta progreso de nia Ideo, ĉar en la orientaj landoj loĝas la superega plimulto de la homaro ; plue la renaskiĝinta Azio sendube ludos pli kaj pli gravan rolon en la mondaferoj.*

*Ni turnas nin al vi por peti vian valoran helpon. Por la planataj ekspozicioj (dua Decembro ĉi-jare) en gravaj hindaj urboj ni bezonas materialon el ĉiuj landoj. Do, se vi deziras la bonstaton de la Ideo en Hindio, ni petas al vi, estu komplezema kaj sendu al ni propagandomaterialon, nome, librojn, gazetojn, jurnalojn, afiŝojn, flugfolietojn, Esperantajn kaj nacilingvajn, fotografaĵojn de viaj grupoj k.t.p. Ni jam antaŭe kore dankas vin pro via helpo, kaj ni volonte konfirmos la alvenon de eventualaj sendaĵoj.*

Samideane via,
*Rama Hegde,*
Prezidanto.

***

**GASTRONOMIA TERMINARO**

En lingvoj angla, ĉeĥa, esperanta, franca.
Erhard Urban.

Prezo : 450 fr. Eldonis UEA, 128 p.
Ĝi servas ne nur al esperantistoj sed, pro la tri naciaj lingvoj uzitaj, ankaŭ al ĉiuj aliaj francoj vojaĝantaj ekz. en angle-parolantaj landoj.

**Rekomendu ĝin al viaj neesperantistaj gekonatoj vojaĝantaj !**

Mendu ĝin ĉe via libroservo !
U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris-Xe.

---

Deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri diversaj temoj : muziko, folkloro, literaturo.

S-ino Roux, 29, rue Croix-Verte, Saumur (Maine-et-Loire) Francujo.

***

**INDONEZIO**

*Por festi la 100-jaran naskiĝtagon de D-ro L.L. Zamenhof, ni okazigos La Unuan Kongreson de Indonezia Esperanto-Asocio je la*

*1-a ĝis la 7-a de Decembro 1959. Dum la kongreso ni arangos ekspozicion, tial ni petas alsendon de salutleteroj, PK, gazetoj, prospektoj kaj alia materialo el ĉiuj landoj. Antaŭdankon ! Adreso : Indonezia Esperanto-Asocio, Pintu Besi 39, Djakarta, Indonezio.*

***

## TUTMONDA ESPERANTISTA KOLEKTANTA ADRESARO

Inter la bezonantoj de internacia lingvo la kolektantoj staras certe sur la unua vico, ĉar ili devas korespondi kun ĉiuj landoj por akiri la mankantajn objektojn de sia propra kolekto. Ĝis nun, en nia Movado kaj precipe, sur la filatelia kampo, aperis pluraj negravaj publikaĵoj, kies utileco estus multe pli granda se unueco povus ekesti... sed... ĉiu deziras, ke la aliaj venu al si... kaj malordo daŭre regas.

Tamen la verko, kiun mi volas prezenti hodiaŭ al la Esperantistoj estas tute atentinda : tiu Adresaro, eldonita duafoje de la Esperantista Kolektanta Centra Informejo, enhavas pli ol 400 adresojn, ne nur de filatelistoj, sed de ĉiuspecaj kolektantoj ; sekve, ĝia verkinto-eldoninto, S-ro **R. MELO** meritas grandan laŭdon, ĉar li faris unuafoje ion neniam antaŭe plenumitan. Do neniel miriga, ke la unua eldono ricevis tiel favoran akcepton, ke dua eldono povis aperi, pli ampleksa.

Plia avantaĝo estas la modesta prezo de tiu Adresaro : 200 fr. afrankite ; nemalhavebla laborinstrumento por ĉiu kolektanto, al kiu ĝi dekobligos la okazojn por interŝanĝi laŭ favoraj kondiĉoj.

En Francio, oni povas ricevi tiun Adresaron, sendente 200 frj. al S-ro R. MELO, 6, pl. Jules-Ferry, SAINT-ETIENNE (Loire). C.C.P. 1318-09 Paris ; alilande, oni sendu kvar internaciajn respondkuponojn al la sama adreso.

***

## ESPERANTO-OFICIALA LINGVO DE LA MONDCIVITANA RESPUBLIKO*

En Vieno, de la 3a ĝis la 8a de majo 1959 kunsidis la parlamento de la Mondcivitana Respubliko. La parlamento akceptis Esperanton ĝia oficiala lingvo.

**Informoj pri la Mondcivitana Respubliko.**

La Respubliko fondiĝis en 1956. La proklamo iom ceremonie okazis en la Pactemplo en Kardifo (Cardiff), kie homoj de diferencaj rasoj kaj standoj solene leviĝis de la sidlokoj, kiam estis akceptita la provizora Baza Leĝo. Telegramoj kaj reprezentantoj de Garry Davis, Abbé Pierre, Lord Bertrand Russel, Lord Boyd Orr, Josephine Baker kaj diversaj membroj de la Brita Parlamento favore salutis la starigon. La registaro de Cejlono sendis specialan delegiton kaj la Usona Registaro sendis sian ambassadoron en Anglujo al la ceremonio.

Ĉi tiu nova mondpopolo libervole deziras servi al la homaro. La Baza Leĝo malpermesas uzi armilojn kaj partoprenadon en agoj, kiuj estas malutilaj por la homaro.

La Respubliko ne celas propran landon. Ĝi opinias la mondon ĝia patrio. Nuntempe troviĝas mondcivitanoj en 45 landoj.

La Respubliko donis jam praktikan helpon okaze de katastrofoj, peris en okazoj de interlandaj konfliktoj, donis ferion al infanoj el rifuĝtendaroj kaj helpis en la disdonado de nutraĵo al gemalsatuloj.

Okaze de la tertremoj en Grekujo la Respubliko donacis kompletan instrumentaron al hospitalo, kaj ĝi sukcesis akceptigi senŝtatan rifuĝinton, kroĉintan la Atlantikon 14-foje en iun landon.

Oni elektis en 1958 parlamenton, dividinte la teron en 20 voĉdonajn distriktojn. Inter la elektitoj troviĝas laboristoj kaj eminentuloj. La parlamentanoj ne reprezentas iun ajn landon, sed distrikton, en kiu troviĝas diversaj landoj kaj rasoj.

Nun, post la instalado en Vieno, la Respubliko petas rekonon kiel suverenan Respublikon de ĉiuj naciaj registaroj. Grekujo jam antaŭe promesis ĝin.

La Mondo atendis ekzemplon, demonstracion de idealismo kaj bona volo. La Mondcivitana Respubliko nun estas miniatura unuiĝinta mondo.

Ĉiu homo povas civitaniĝi en la universalan popolon. Necesas deklari, ke oni prizorgos la bonfarton de ĉiu kunhomo — kia ajn estu lia koloro, raso, religio aŭ politika konvinko — kaj, ke oni ne kaŭzu korpan aŭ spiritan suferojn, per partopreno en militoj aŭ perfortaĵoj.

La Respubliko ne multekoste propagandos. Ĝi opinias ke bonvolantoj trovos la vojon al la Respubliko. La imposto, pagenda okaze de la naskiĝtago, sumiĝas minimume po kvarono de semajna salajro en jaro. La enskribigaj kostoj, estas po 10 Steloj, t.e. 350 fr. fr.

La Respubliko havas sian propran flagon kaj esperas veturigi komercan floton kaj starigi propran industrion.

* Adreso : MCR, Poŝtkesto 443, Rotterdam, Nederlando.

***

## MILANO - ESPERANTO GRUPO

La Milana Esperanto-Klubo, intencante prepari validan dokumenton por pruvi la praktikan aplikadon de Esperanto en la komercaj rilatoj inter la diversaj internaciaj entreprenoj, projektis kompiladon de « *Internacia Adresaro de Firmoj kiuj povas uzadi Esperanton en la interlandaj rilatoj* ».

Antaŭ kelkaj monatoj la M.E.G. starigis en Milano la « *Centron por Esperanto en la Komerco, Industrio kaj Turismo* ».

Tiu societo celas enkonduki Esperanton en la ĉiutaga vivo kaj en la internaciaj komercaj rilatoj, precipe nuntempe kiam la pliigo de la internaciaj rilatoj akrigas la lingvan problemon kaj postulas ĝian solvon. La ĝisnuna farita laboro montras al ni, ke la vojo elektita estas la ĝusta kaj oportuna. Multaj gravaj firmoj, ĝisnune indiferentaj pri Esperanto, entuziasme akceptis kaj konsentis aperigi sian nomon en la jarlibro de la « Centro ».

Sekve ĉiuj Esperantistoj estas invitataj kunlabori por kolekti tiajn adresojn. La plejmulto de la Esperantistoj estas oficistoj aŭ directoroj de firmoj, sekve tiuj ĉi firmoj povus doni sian nomon por la adresaro. Tiaj Esperantistoj kiuj pro siaj oficoj povus kunlabori kun sia firmo per Esperanto, estas petataj sendi al la dirita « Centro » (Milano. Piazza Oberdan 1) la nomon de la firmo. Kune kun la Adresoj bonvolu havigi al la « Centro » la aprobân leteron de la entrepreno. Monhelpo ne petata.

***

## ENIGMA KONKURSO Nº 3

*Enigmo nº 3 :*

Vi trovu 5 vortojn, kies unua litero formos ankaŭ 6-an vorton ; vi donu al la literoj de tiuj vortoj, la valoron kiun ili havas en la ĉi-suba tabelo. Tiu, kiu akiros la pli altan sumon gajnos 10 poentojn.

a-4 b-16 c-22 ĉ-21 d-12 e-3 f-9 g-17 ĝ-24 h-18 ĥ-27 i-2 j-23 k-2 l-15 m-10 n-19 o-1 p-7 r-14 s-8 ŝ-20 t-11 u-5 ŭ-28 v-13 z-26

*Limdato :* 1959 por la sendo de la solvon al S-ro ROUSSEAU J.A. 64 avenue de Châtillon *PARIS XIVe*

*Solvo de la enigmo nº 1*

SPERTA MANO NE RESTAS SEN PANO
Sorto Peseto Epoko Ruzo Talero Agato Marno Amuzo Nadlo Okupo Nabo Elipso Rido Ekrano Sfero Tamen Arko Skui Sarki Ermito Nesto Piko Arniko Nukso Opale.

## FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO

| | |
|---|---|
| La 22.4.58 F.E.I. posedis .... | 84.623 frankojn |
| Ĝis la 2. 5. 59 ĝi enspezis .... | 32.290 « |
| Sume ........ | 116.913 « |
| Dum la sama periodo la elspezoj estis ........................ | 6.438 « |
| Do en kaso ........ | 110.475 « |

F.E.I. disdonis 286 atestojn :
206 atestoj pri Lernado
56 atestoj pri Supera Lernado
22 atestoj pri Kapableco
2 atestoj Pedagogiaj
32, leteroj, el kiuj 15 entenis almenaŭ poŝtmarkon, ricevis respondon.

Notu, ke la elspezoj entenas aĉeton de : Originala Verkaro kaj Infero

Subskribita : TARDIEU
la 2an de majo 1959

**Nos soldats d'Algérie.** — Ceux-ci ont besoin de distractions : ils demandent surtout de quoi lire. Nous vous engageons tous, soit au titre des groupes, soit à titre individuel, à leur envoyer, sous forme de colis postaux de trois kilos, les livres et revues (même anciennes) que vous ne voulez pas garder.

Nous vous recommandons toutefois de n'envoyer que des documents présentant toutes garanties de moralité et de neutralité.

Pour avoir des adresses de foyers, d'unités ou de militaires isolés, et éventuellement des « Bons d'envois gratuits » vous pouvez vous adresser à l'autorité militaire voisine de votre résidence, ou encore à :

M. ROUGETET, 71 ter, avenue Foch, SAINT-GERMAIN-EN-LAYE (S.-et-O.).

## ALVOKO ! BONVOLU INFORMI !

Mi verkas broŝuron pri esperanto por la Freinet-movado, kiu atingos ĉirkaŭ 8.000 lernejojn (do eble 100.000 infanojn). Sed mankas al mi informoj kaj fotoj.

1) Kiu povas doni al mi *precizan* informon pri la jeno : en la jaro 1932 (?) okazis konferenco en Hago kiun partoprenis la tiama franca ministro Cheron kaj angla Snowden (?). Pro miskompreno de unu angla vorto (kiu vorto ?) okazis grava incidento kaj la konferenco fiaskis.

2) Kiu povus doni alian ekzemplon, kiu montrus ke uzo de nacia lingvo en tiaj konferencoj ne estas oportuna ?

3) Kiu povus havigi al mi foton, sur kiu oni vidus francan policiston kun tipa eksterlandano Svedo aŭ alia) ?

4) Kiu foton, kiu montrus barilon ĉe la landlimo ?

5) Kiu foton, kiu montrus nete 2 ŝtatestrojn aŭ diplomatojn kun interpretisto ?

6) Foton, kiu tre vive kaj klare montrus diversnaciajn esperantistojn babilantajn ?

7) Foton de ekspozicio, kie oni bone vidus librojn kaj ĵurnalojn (se eblas kun rigardantoj) ?

8) Foton de bicliklanto aŭ juna skuteristo, kiu iras al kongreso (kun flago verdstela) ?

Bonvolu sendi informojn al *Lentaigne*, 3, av. de la Gaillarde, *Montpellier.*

Kiu ege antaŭdankas.

# POR LA LINGVOAMANTOJ...

NIA TRADUKA KONKURSO

Solvo de la teksto n° 17
(F.E. n° 181)

Je ne sais plus quel humoriste a dit : « La vie est vraiment une mauvaise plaisanterie à laquelle personne n'a jamais pu se soustraire qu'une fois mort ». Comme beaucoup de boutades celle-ci est plus sérieuse qu'il ne semble de prime abord. Imaginez donc un habitant d'un astre lointain, quelque indigène de Sirius, quelque Micromégas, qui considérerait cette longue série de crimes honteux et de généreuses folies, ce tissu d'exploits inutiles et de fourberies ratées, cette suite d'actes absurdes et iniques, qu'on appelle l'histoire humaine — et demandez-vous quelle pourrait être son opinion sur cette planète à demi refroidie, sur la surface de laquelle on ne peut admirer les étoiles sans risquer d'attraper un rhume, ni manger une pomme sans risquer d'y trouver un descendant du Serpent originel, ni apprendre l'Esperanto sans risquer de se muer en collectionneur de timbres ou de tomber dans l'abstinence, ni se marier sans risquer d'être... (bien que, somme toute, le mariage soit encore la forme la moins dangereuse de l'amour !) Et pourtant, c'est un fait, que ce spectacle pas très réconfortant ne trouble en rien la plupart de nos contemporains, pas plus qu'il n'a troublé leur aïeux.

Extrait de « Traits d'esprit et d'humour »
« Essais » de G. Waringhien

## TRADUKA KOMENTO

Tiu ĉi teksto pri humuro estas simpla, eleganta, facile komprenebla : eĉ ĝi estas ekzemplo de humuro ! Nur en tio ĉi kuŝas ĝia traduka delikateco.

1. — *neniu iam elturniĝis.* —La senco de *elturniĝi* estas ja : *se tirer de... se sortir de...* Sed en franca lingvo oni devas atenti pri la kunteksto : « on ne se tire pas d'une plaisanterie » !

2. — *humuraĵoj.* — Ne ĉiuj spritaĵoj estas humuraĵoj. Pluraj tradukis per « traits d'esprit » : kio ne estas plene ĝusta.

3. — *komplekso.* — La franca vorto *complexe* estas fak-esprimo : ĝi ne taŭgas en la koncerna kunteksto.

4. — *duon-frostinta.* — Kvankam laŭvorta traduko estas « à demi gelée », « à demi glacée », en franca lingvo la kutima esprimo estas « à demi refroidie ».

5. — *abstinemulo.* — Tia esprimo estas pli larĝa ol « anti-alcoolique » ; krome ĝi elspiras certan ironion ; gratulon al S-ino Lavallée, kiu provis esprimi tiun ĉi per la franca dirmaniero « tomber dans... »

6. — *perturbi.* — En la franca « on ne perturbe pas quelqu'un » !

7. — *plimulto.* — La vorto « majorité » havas ĉefe politikan aŭ matematikan koloron.

« La Triopo »

## KONKURSAJ POENTOJ

19. — S-ro R. Texier
18. — S-ino H. Lavallée kaj S-ro M. Penot
17. — S-ro J. Fourtier, S-ro So..., S-ro P. Villet
15. — S-ro J. Asquéri, F-inoj D. Bettman kaj M. Reynaud
14. — S-inoj Carrière kaj Vincent
13. — S-roj A. Bourry kaj J. Lenel
12. — S-ro Maigret
11. — S-ro H. Leclercq
10. — S-ro P. Cellier, S-ro J. Salasc
9. — S-ro J. Dumas
8. — Lipharulo kaj S-ino Th. Maucoux

## TEKSTO N° 19

La gelegantoj estas invititaj traduki la jenan tekston kaj sendi sian provaĵon ĝis la 30-a de oktobro 1959, al UEF-TK, 34, rue de Chabrol, Paris X^e^.

*En moderna granda magazeno...*

*La ĉefo.* — Bonvolu fine jam formeti vian ŝinkobulkon Polikarpo ! Ĉu vi ne rimarkas, ke tiu sinjorino sur la trotuaro rigardas nian montrejon kun granda intereso ? Mi estas certa, ke ŝi tuj envenos.

*Polikarpo.* — Ne koleru, ĉefo. Mi formanĝas la lastan pecon kaj nun mi estas tute je la dispono de la sinjorino.

*La ĉefo.* — Ne ! ne ! Ĉi tiun fojon mi okupiĝos mem pri ŝi. Vi ne havis sufiĉe da sukceso kun la klientino, kiu ĵus foriris. Estas netolereble, Polikarpo, ke klientino forlasas nian magazenon, aĉetinte nenion.

*Polikarpo.* — Sed ŝi deziris kosmetik-aĵon por nigrigi siajn blankajn harojn ; ĉu estas mia kulpo, se ni ne havas tian tinkturon ?

*La ĉefo.* — Lerta komercisto estus vendinta al ŝi nian faman ciraĵon por ŝuoj. Ĝi ankaŭ perfekte taŭgas por pentri blankajn harojn. Sed nun silentu, jen venas mia klientino. Atentu bone, kiel mi komercos kun ŝi...

El « La Forgesema Klientino »
« La Ĝoja Podio »
de Raymond Schwartz

# MIREJO

Karaj Gesamideanoj en la tuta Mondo,

Niaj praavoj, kiuj vivis en 1859, povis legi en la « Provenca Almanako » de tiu epoko, l'anoncon faritan de Roumanille pri la unua eldono de « Mirejo », poemo en provenca lingvo de Frederiko Mistra'.

Efektive la 21 an de Februaro la libro eliris el la presejo de S-ro Seguin en Avinjono.

Kiam li komencis verki « Mirejo'n » en 1851, Mistral, — kiu estis nur 21 jaraĝa, — tute ne havis ideon pri la granda disvastigo, kiun tiu verko estis havonta. Li nur deziris skribi kamparan rakonton, kaj la unua kanto komenciĝis tiel :

« Mi kantas knabinon, kiu, ve ! ne povis havi amindumanton... ».

Sed li tuj komprenis, ke tio estis simpla kaj banala. Certe, la amromano de la junulino estas tute agrabla kaj emociplena, la ampasio de Vincento varmega kaj vira. Tamen tiuj du infanoj ne povas esti apartigitaj de la provenca naturo, kie ili naskiĝis, kie ili kreskadis. Tiun naturon Mistral volas kanti, volas gloregi, volas senmortigi, samtempe kiel la du geamantojn. Pro tio li forstrekis tiujn du unuajn versojn kaj anstataŭis ilin per tiuj ĉi :

« Kantas mi Provencknabinon, dum juneca ŝia amo.

Tra Kraŭo, ĉe l'maro, sur la grenokampoj,

Per Homera glorovojo, prove, volas mi ŝin sekvi ».

Tiu ŝanĝo klarigas al ni, kial « Mirejo » estas poemo de la naiva amo en kadro de mirinda provenca naturo ; maniero tute nova, partoprenante de l'idilio kaj de l'epopeo. Sed tiu poemo ne nur estis verkita « por la gloro de la lando » ; en la dua strofo ni legas :

« Volas mi, ŝi havu gloron... de reĝino ; ŝin karesu... nia lingvo ne ŝatata ».

Jen estas la elkrio de la « provenca patrioto » ; ĝi estas ankaŭ la motivo kiu faris lin poeto : la malestimo pri la patrina, la enlanda, la rasa lingvo. Tiuj tri versoj ankaŭ montras al ni la celon atingeblan : redoni al tiu neŝatata lingvo sian indecon, kaj denove honorigi ĝin. Kaj la strofo tiel finiĝas : « Mi kantas nur por vi, paŝtistoj, masanoj ! » ; tio signifas, ke, ĉar li estis skribanta en lingvo ne ŝatata, forlasita de la kleruloj kaj de la burĝaro, ne konata de la Parizanoj, Mistral atendis nenian helpon de la ĉefurbo. Cent jaroj pasis ! Mirejo ĉiam estas dekkvin-jara, ĉiam freŝa, ĉiam bela, ĉiam amema, ĉiam kompatinda pro ŝia ĉiam bela malfeliĉo.

La poemo preterpasis Arles'on, preterpasis Provencon kaj la tutan landon okcitanan ĝis ĝi konkeris Parizon ! La 21-an de aŭgusto 1861 la Franca Akademio kronis la poemon. En 1863 Mistral iĝis Kavaliro de Honora Legio. En 1904 li ricevis Nobelpremion. Sed la famo tie ne haltis : frue la tuta mondo ekkonis la ĉefverkon de Mistral. Mirejo estis tradukita en 16 lingvojn, inter kiuj ESPERANTO.

Je la fino de la unua jarcento ni do povas aserti, ke la ĉefverko de la « Majana Majstro » estas UNIVERSALA kaj ETERNA. Nun ni rajtas proksimigi Mistral kaj Zamenhof : ambaŭ ili estas poetoj, ambaŭ enpenetritaj el pura idealo de Homa Frateco kaj Universala Feliĉo. Kaj, kiel por kroni tiun similecon, tiu ĉi jaro 1959 estas la centjara datreveno de la unua eldono de Mirejo, kaj ankaŭ de la naskiĝo de Zamenhof. Ni, Provencanoj kaj Esperantistoj, volas en unu sama entuziasmo, en unu sama korinklino, honorigi unu kaj la alian. Vivu Provenclando ! Vivu Esperanto !

H. B.

# NI FUNEBRAS

Ni havas la grandan malĝojon sciigi al vi pri la forpaso de S-ro Georges THIERRY, la frato de S-ro Jean THIERRY, Prezidanto de la Pariza Esperanto-Grupo, Komitatano de UEF kaj UEA. Kiel rezerv-leŭtenanto 33-jara, S-ro Georges THIERRY estis revokita al aktivado en Alĝerio. Tie, la 16-an de Majo 1959, la morto trafis lin, dum li plenumis sian devon. Lia vivofero kaj liaj soldataj meritoj akirigis al li altajn distingojn : li estas farita Kavaliro de la Honor-Legio kaj dekorita per la Medalo de la Milita Valoro kun Palmo.

Kamarado ŝatata, ĉefo estimata kaj ekzemplodona li estis por siaj batalkunuloj. En la banko, kie malfermiĝis al li brila kariero, estis rimarkitaj lia elstara personeco kaj profesia valoro ; simpleco kaj afableco signis liajn rilatojn kun liaj subuloj.

Li ne estis membro de nia movado, sed li interesiĝis pri ĝi. Ofte li helpis sian fraton per la konsiloj kaj, en okaza cirkonstanco, li eĉ profitigis al ni sian juran sciencon.

Jean THIERRY ja havis en li veran kunulon, kun kiu li dividis siajn pensojn kaj priparolis ĉiajn entreprenotaĵojn. Ni prezentas al li kaj al S-ino V-ino THIERRY la esprimon de nia simpatio kaj de niaj korsentoj.

P. R.

***

Mi havas la malĝojan privilegion sciigi la morton de nia kara samideano Justin CREBELY. Li forpasis sekve de tiu timinda niaepoka malsano, la kancero. Kiam okazis la funebra ceremonio, multnombra ĉeestantaro akompanis lin ĝis lia lasta restadejo. Kvankam oni antaŭvidis tiun nepran finon, mi ja esperis havi almenaŭ la tempon revidi lin ; efektive mi estis vizitonta lin la morgaŭon de lia enterigo...

La Tulonaj Esperantistoj komisiis min por publikigi la kondolencojn de la grupo.

Lucien AMAT.

# APLIKADO DE ESPERANTO SUR LA TURISMA KAMPO

En la Jubilea Zamenhofa Jaro estas la devo de ĉiu esperantisto demandi sin, ĉu li ekspluatas ĉiujn eblecojn propagandi la Internacian Lingvon en la kutima vivo. Tro ofte oni asimilas la vorton propagando kun tiu de kursopreparo. Efektive, antaŭ la aŭtuno, tradicie pliintensiĝas la loka informlaboro pri Esperanto. Bedaŭrinde, por multaj el ni ne estas klara la nocio pri konstanta diskonigo de la I. L. pere de praktika aplikado, kaj tiu antaŭkursa kampanjo estas la sola efektive okazanta.

Ankoraŭ pli utila ol prelegi pri ĝi estas montri la avantaĝojn de Esperanto, klopodante por enkonduki tiun en la ĉiutagan vivon.

Hodiaŭ mi volas ekzameni unu flankon de la problemo, la kunlaboradon de la Esperanto-Movado kun la Turismaj Oficejoj.

La unua kondiĉo estas, ke la Esperanto-Klubo membriĝu ĉe la T.-O., se la planata agado devas okazi en la urbo de ambaŭ. Se ne, ne necesas, ĉar fakte ankaŭ izola sindonema esperantisto povas plenumi la programon, kiun mi nun proponos al vi, almenaŭ laŭ la kondiĉoj regantaj en Francujo.

La unua periodo estas prepara. Zorge listigu alilandajn T.-O. kiuj jam eldonis Esperanto-prospektojn (Mi aparte rekomendas Amsterdam, Groningen, Antwerpen, Gent, Hamburg, Stuttgart, Malmö, Parma, Frederikstad, København, San Diego, Wörgl, Warszawa, Olomouc, Szeged, Balkanturist (*). Aliflanke listigu la lokojn de via regiono pleje interesajn laŭ turisma vidpunkto.

Nun iom post iom skribu al la alilandaj T.-O. petante, ke ili bonvolu sendi dokumentadon en Esperanto pri sia urbo al la T.-O. de via regiono. Tiel vi helpos al la esperantistoj, kiuj eldonigis tiujn prospektojn, ĉar la fremda T.-O. ĝojos, ke ili estos amase petataj. Vi utilos efektive al la diskonigo de la turismaj belaĵoj de tiu urbo ĉefe se vi sukcesos ĉe la vialanda T.-O. elmontrigi la prospekton en taŭga loko, post interveno.

Samtempe pruvante la fakton, ke alilandaj T.-O. uzas Esperanton, vi preparos la terenon por posta eventuala eldono de Esperanto-prospektoj ankaŭ en via regiono, por kiu vi nepre klopodu. Almenaŭ se tion vi ne sukcesos atingi, eble la T.-O. konsentos aldoni Esperantan tradukon al nacilingva faldfolio, aŭ eĉ nur adreson de loka Esperanto-delegito.

Klopodu ankaŭ, por ke tiu adreso aperu meze de alilandaj Esperantaj kolorprospektoj turismaj en la afiŝpaneloj de la T.-O. ; kun teksto dulingva : Esperant-lingva bonvenigant a eksterlandanojn kaj nacilingva alvokanta por lernado de la Internacia Lingvo.

Ankaŭ klopodu, por ke listo de la publikaj entreprenoj kaj hoteloj, kie iel Esperanto estas uzata, estu havebla en la Urba T.-O. kaj eĉ afiŝe sciigata. Ekz faru liston de hoteloj, kie Esperanto-menuo estas havebla. Kompreneble klopodu por ke ĝi estu kiel eble plej longa. Se vi sukcesas atingi tion, aliflanke, propagandante al hoteloj, vi menciu ke ilia entrepreno estos aparte menciata en la Urba T.-O. ; kio nepre estas reklamo. Cetere la propagandon sur komerca tereno mi ekzamenos en venonta artikolo.

En malgrandaj lokoj fine, kie T.-O. estas samtempe organiza komitato de multaj aferoj, konvinkema esperantisto eĉ sukcesos, ke en la T.-O. en bona loko estu videblaj kaj preneblaj de la vizitantoj informaj dokumentoj pri Esperanto, ekz. « La 70 jaroj de la Internacia Lingvo » de CED.

Fine ĉie, kie la ebleco prezentiĝas, elektu Turisman Fakdelegiton de UEA, kiu senĉese kunlaboru kun la Turismaj Oficejoj, ĉar estos des pli facila ricevi avantaĝojn por nia movado, se ni mem montriĝos utilaj. La sperto jam pruvis tion sur aliaj terenoj, la kunlaborado de UEA kaj UNESKO ekzemple.

En tiu ĉi jaro pli ol iam estus necesa, ke ĉiu esperantisto, kiu havas interesajn ideojn pri propagando, nepre ilin apliku sed ankaŭ komuniku al nia gazetaro por imitado aliloke. Tiu ĉi artikolo celas verkigi aliajn !

Roger IMBERT

*Noto.* — Por skribi al T. O., ĝenerale sufiĉas la indiko Turism. Oficejo kaj la urbonomo, Balkanturist : Sofia, Bulgario.

« Serĉas miajn korespondantojn de jaroj 1932-37 : Robert Fauchereau, Andrée Meyer kaj aliaj »

Mia adreso : A.J. Teslenko,
Poste Restante, MOSCOU D. 47 U.R.S.S.

*Mallonge.*

La esperanta revuo « BULGARA FILMO » dediĉis tutan numeron al la Bulgara-germana belarta filmo « Steloj », premiita ĉe la lasta festivalo de Cannes (Francio).

NOTO DE LA REDAKCIO

Pro diversaj malfacilaĵoj, postkongresaj, ni devis prokrasti la aperon de nia gazeto. Ni petas niajn legantojn bonvoli senkulpigi nin pro tio. La venonta numero baldaŭ aperos.

# KIAJ INTERNACIAJ VOJAĜOJ ESTAS ORGANIZENDAJ DE NIA MOVADO ?

I) Kvankam la problemo de internaciaj vojaĝoj estis jam multfoje kontentige solvita de niaj organizoj, mi kuraĝas atentigi la agemajn esperantistojn pri diversaj aspektoj de tiu demando, pli kaj pli grava por ni pro la senĉesa evoluado de la moderna mondo kaj pro la rapida intensigo de la internacia trafiko, kiu nun koncernas ĉiam pli vastajn popolamasojn.

Bona amiko lastatempe diris al mi : « Multaj personoj, kiuj vojaĝas eksterlanden, ne interesiĝas pri Esperanto, ĉar nun la servoj de la turismaj agentejoj perfekte funkcias kaj la klientoj sen malfacilaĵoj vizitas la aliajn landojn ».

Mia amiko parte pravis : La personoj, kiuj deziras simple viziti la belajn urbojn kaj monumentojn de, ekz-e, Hispanio aŭ Italio, en bonaj materiaj kondiĉoj, nur bezonas sin konfidi al unu el la seriozaj turismaj agentejoj, kiuj nun abundas. Sed mi opinias, ke la rolo de nia movado absolute ne devas konsisti je blinda kopiado, pli malpli sukcesa, de la turismagenteja agado (La kongreskaravanoj cetere estas speciala kazo).

Laŭ mi, nia agado povus estonte disvolviĝi en 3 direktojn : la kulturaj vojaĝoj, la vojaĝoj por gejunuloj, la fakaj studvojaĝoj.

Estas tuj notinde, ke la Esperanto-Movado disponas pri valoraj atutoj : mond-skala strukturo kaj la delegita reto de UEA.

II) Kulturaj vojaĝoj (aŭ renkontoj).

Se, ekz-e, eksterlandano vizitas iun ajn landon, danke la servojn de vojaĝa agentejo, li sendube vizitas la plej belajn monumentojn, vidas paradizajn pejzaĝojn, tranoktas kaj manĝas en komfortaj hoteloj ; sed la lingva baro, la manko de personaj kontaktoj, permesas al li nur ege supraĵe ekkoni la vivon de la koncerna popolo, kies landon li vizitas. Li ne amikiĝas al la tieaj homoj, li nenion ekscias pri la sociaj, ekonomiaj, politikaj faktoj kaj eĉ riskas, pro malgrandaj travivitaj okazintaĵoj, konservi tute falsajn impresojn.

Dume la Esperantistaro, danke siajn grupojn, sian komunan lingvon, povas (almenaŭ relative) facile antaŭvidi organizon de vere kulturaj vojaĝoj, kiuj kontribuos al la konstruo de pli komprenema kaj frata mondo. Tiaj vojaĝoj sukcesas, se ili permesas al la partoprenantoj, krom la turisma parto, ekkoni ankaŭ la ĉefajn aktualajn problemojn, la plej originalajn realiĝojn de la vizitita lando, se tiuj partoprenantoj povas ne nur interrilati rekte kun la landanoj el tre diversaj sociaj klasoj, sed ankaŭ aŭskulti kaj intervjui helpe de Esperantaj tradukistoj, personojn, kiuj unuarange respondecas en la multflankaj aktivaĵoj de la lando.

Mi substrekas, ke tiaj vojaĝoj postulas ioman intelektan preparadon por almenaŭ grandlinie ekkoni la ĉefajn trajtojn de la vizitota lando.

Jen tasko por organizantoj, kiuj konsilu laŭbezone kaj liveru la necesan dokumentaron. Mi aldonas, ke tiuj vojaĝoj NENIUKAZE aspektu kiel « luksaj vojaĝoj », sed nepre estu organizitaj laŭ la normoj de « popolturismo » koncerne la kostojn.

III) Porjunularaj vojaĝoj.

Almenaŭ en multaj Eŭropaj landoj la internaciaj vojaĝoj, la kongresoj kaj junularrenkontiĝoj alprenas vere rutinan aspekton kaj koncernas dekmilojn da individuoj. Se nia movado volas prosperi, neeblas malatenti tiun modernan fenomenon kaj necesas agi konsekvence. La porjunulaj vojaĝoj povus esti organizitaj, kiel la « kulturaj vojaĝoj » por plenkreskuloj, sed resti ĉiam atingeblaj pro sistema uzado de tendumejoj, komunaj dormejoj kaj junulargastejoj ; ĉar ofte la monujo de studentoj kaj junaj laboristoj ne multon entenas...

IV) Fakaj studvojaĝoj.

Bedaŭrinde la ankoraŭ tro malgranda nombro de la esperantistoj ne tuj ebligas vastan utiligon de studvojaĝoj, strudrenkontoj por fakuloj, samprofesiuloj aŭ anoj de sama movado, sindikato aŭ kooperativo, k. s. Tamen tiu vere interesa agado povus esti certagrade efektivigita per la helpo de almenaŭ kelkaj esperantistoj, funkciantaj kiel interpretistoj kaj kunlaborantoj kun la lokaj samideanoj. UNESKO ekzemple jam organizas studvojaĝojn por laboristoj kaj povus eble interesiĝi pri tio.

Aliflanke por kreo de esperantista *etoso*, evidente necesus *internacia* partoprenantaro ; samtempe oni havus sufiĉe da interesitoj kaj la uzo de Esperanto aperus kiel tute normala.

Mi estas persvadita, ke la organizo de tiaj vojaĝoj efike altiros kaj ligos al nia movado seriozajn kaj klerajn homojn, kiujn nia propagando ĝis nun ne tuŝis. Tiel oni direktiĝus en novan vojon, celante la kreon de Esperantogrupoj en la uzinoj, inter la studentoj, en grandaj publikaj servoj kaj administracioj. Ni devus pli mullte interesiĝi pri tiu grava punkto kaj havi antaŭ la okuloj la laboron jam faritan de la fervojista asocio, de la Esperanto-grupo ĉe « Télémécanique », ĉe la uzino Renault en Le Mans, kaj eble aliloke.

André FRANGEUL (Angers).

# NOTRE SERVICE DE LIBRAIRIE (EXTRAITS)

### ETUDE et ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| A.B.C. (pour ceux qui aiment les lettres), de Waringhien | 150 |
| A.B.C. (Manuel pour les Enfants) | 75 |
| Esperanto-Manuel, de Chavet et Warnier | 500 |
| Manuel d'Etude, de Jean Couteaux, plus corrigé. | 450 |
| L'Esperanto Facile, de F. Gaume | 300 |
| Ni parolu en Esperanto, de A. Ribot | 400 |
| Manuel d'Initiation, de Thaillet | 150 |
| Programme des Examens | 25 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES et VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) relié très solidement | 2.830 |
| Dictionnaire Etymologique en 9 langues (Bastien) | 1.000 |
| Dictionnre Français-Esperanto (Grosjean-Maupin). | 810 |
| Supplément au précédent | 355 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 220 |
| Lexique Esperanto-Français (NOVA) de R. Léger. | 540 |
| Les Mots Esperanto groupés d'après le sens (Bobin) | 100 |
| Vocabulaire et Grammaire sur feuille | 10 |
| Plena Vortaro de Esperanto (SAT), 4a eldono .. | 1.250 |
| Scienca kaj Teĥnika terminaro (Haferkorn) .... | 1.700 |
| Militista vortareto | 120 |

### LITTERATURE, PHILOSOPHIE, SCIENCE

| | |
|---|---|
| Abismo (originala romano de Jean Forge) | 315 |
| Abkar (romano pri la babilona epoko) bindita .. | 500 |
| La Alaska Stafeto - Kaptitoj de la Glacirokoj ... | 420 |
| La Alia Pasinteco (Bulthuis/Isbrucker) | 700 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus/Berenguer) .. | 525 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwell/Sampson) bindita ... | 420 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweg/Chwerin) Epoko 9. | 330 |
| Carlo Bourlet (biografio) | 50 |
| Colomba (Proper Mérimée/Beau) Epoko 6 | 165 |
| Doktoro Dorner (H.L. Eggerup) | 560 |
| Esperanto Legolibro (Elio Migliorini) | 375 |
| Fabiola (Wiseman/Ramo/Robert) | 630 |
| La Firmao de la Kato kiu Pilkludas (Balzac) ... | 100 |
| Jozefo (Applebaum) | 560 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 330 |
| Gaja Leganto per Esperanto (P.E. Schwerin) .... | 85 |
| La Goja Podio (Raymond Schwartz) broŝurita .. | 300 |
| Hebreaj Rakontoj (Aleĥem/Mučnik) | 100 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne/Inman) | 210 |
| Infanoj en Torento (Stellan Engholm). I-II | 560 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) | 630 |
| Johano kaj Silvio, kun Esperant-Angla vortareto. | 80 |
| Poemoj de Omar Kajam (Waringhien) | 250 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann/Wohltat). Epoko II | 330 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin/Staritsky). Epoko 10. | 330 |
| Kredu min Sinjorino ! (C. Rossetti), bindita .... | 780 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted/Graversen) .... | 350 |
| La Mondon al Ni ! (E. Kilian) | 150 |
| Morto de Trajno (Crofts/Stuttard), bindita | 750 |
| La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton) bind. | 420 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 250 |
| La Goja Podio (Schwartz) | 400 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant/Dupuis), lukse bindita | 1.680 |
| Taglibro de Anne Franck (trad. Degenkamp) .... | 1.075 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliček) | 1.000 |
| La Infana Raso (W. Auld) | 1.000 |
| Eseoj (Waringhien) | 1.000 |
| Esperanta Antologio (W. Auld) broŝ. 1.800 ; bind. | 2.100 |
| Novaj Esperanto Historietoj (Diversaj Aŭtoroj) | 250 |
| Palaco de Danĝero (pri S-ino de Pompadour) .. | 490 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 1.000 |
| Premiaj Romanetoj (konkursintoj) | 80 |
| Princino de Marso (Burroughs/Sturmer) Epoko 5. | 170 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse/Badash) Ep. 3.. | 170 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 315 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi/Spierer). Epoko 7.... | 330 |
| La Sonĝo de Makaro (Kolorenko/Sidlovskaja) .. | 60 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Welles/Amos) Epoko 4 .. | 170 |
| Undino (Schreiner/Andrew), bindita | 450 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 175 |
| Victoria (Knut Hamson/Olav Rygg) | 210 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard). Epoko 8 .. | 330 |
| La Vojo Returne (E.M. Remarque/J.F. Berger) .. | 420 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 110 |
| La Esperanto-Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 280 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (E. Privat). I-II. | 700 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 850 |
| Vivo de Zamenhof (E. Privat) | 450 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (G. Waringhien) I-II po | 950 |
| Originalo Verkaro de Zamenhof (lukse bindita).. | 1.575 |
| Internacia Lingvo (Ivo Lapenna) | 800 |
| Per kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) .. | 110 |
| « Esperanto » (binditaj kolektoj 1952 aŭ 1953) po.. | 500 |
| L'Esperanto cet Inconnu (André Ribot) | 125 |
| Maximes de La Rochefoucauld (texte bilingue) .. | 200 |
| Aŭstralio-Lando kaj Popolo (ilustrita) | 350 |
| Ekspedicio « Kon-Tiki » (Heyerdahl-Brynildsen) lukse bindita | 1.850 |
| Guide de Paris en Esperanto (illustré) | 250 |
| Pola Folkloro kaj Popolkanto (Grenkamp) | 200 |
| Polusaj Glacioj sub Noktomeza Suno (illustré) .. | 150 |
| Arto... fariĝi centjara | 280 |
| Arboj de la Arbaro kaj Kampo (Booth), illustré .. | 85 |
| La Vivo de la Plantoj (P. Neergard) | 1.120 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (P. Neergard) .. | 1.540 |
| Komercaj Leteroj (Pruissen) | 165 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen/Nederland) .. | 385 |
| Somera Universitato Malmö 1948 | 250 |
| La Floroj de l'Malbono (trad. Waringhien) | 1.340 |
| Kontralte (Marjorie Boulton) | 1.000 |
| Fabloj de la Fontaine (Lucien Thévenin) | 200 |
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare/Andrew) .. | 210 |
| Georgo Dandin (Molière/Zamenhof) | 265 |
| Ifigenio en Taŭrido (Gœthe/Zamenhof) | 430 |
| La Revizoro (Gogol/Zamenhof) | 430 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare/Andrew) | 210 |
| Maksimoj (La Rochefoucauld) | 200 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre littéraire de J.-P. Sartre (texte bilingue) Colette Llech-Walter | 100 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 1.540 |
| Aktualaj Problemoj de la nuntempa internacia Vivo (Lapenna), bindita | 720 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 800 |
| Vojaĝo al Kazohinio (Szathmari) | 1.000 |

**Frais d'expédition et de poste : 20 %**

jusqu'à 1.000 fr. : 15 % jusqu'à 2.000
et 10 % au-dessus.

U.E.F., 34, Rue de Chabrol, PARIS Xe
C.C.P. 855.35 PARIS.

**N.B. La membroj de U.E.A. bonvolu konsulti la Jarlibron, ĉar ili povas mendi pere de U.E.F. ĉiun indikitan verkon.**

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME